26a Jaro — Ununura numero, senpaga por abonintoj 1940. Decembro 1945a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27-6-36

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK - ANTVERPENO

## Post longa Dormado

# Ni ree forĝu la ĉenon

10 an de Majo 1940... Ni preparis nin por la Kongreso de Bruselo, kiu estis okazonta dum la Pentekostaj tagoj en nia ĉefurbo.

10an de Majo 1940... En la frua mateno, bomboj falis en multaj lokoj de nia lando.

10an de Majo 1940... Komenciĝis la plej terura buĉado, kiun iam konis la homaro.

... ... ... ... ... ... ... ...

Ni ne priskribos tie ĉi la teruraĵojn, kiujn travivis nia popolo, — kune kun multaj aliaj popoloj —, dum la kvar jaroj, kiuj sekvis tiun malgajan 10an de Majo.

Ĉiuj ni, soldatoj kiuj travivis la veran militan vivon, dum la batalo kaj post la batalo, kiel militkaptitoj ; viroj kaj virinoj, kiuj suferis enkarcerigon, transloĝigon kian ajn al fremda lando aŭ kiuj simple faris sian devon en propra lando kaj konis la kruelecon de la malamika okupacio, ni ankoraŭ havas tro freŝan en la memoro la bildon teruriĝan de la Milito.

Ni volas nur saluti tie ĉi ĉiujn kiuj iamaniere faris sian devon, kiuj mortis eble ĝin plenumante aŭ kiuj kuraĝe atingis la finon sed kiuj ankoraŭ, dum longaj jaroj, kunportos en si, la sekvojn de siaj suferoj.

... ... ... ... ... ... ... ...

Majo 1945... Tiuj, kiuj nin atakis ; tiuj, kiuj semis la morton en nia lando ; tiuj, kiuj nin suferigis, fine estis venkataj.

Jam de Septembro 1944, la plej granda parto de nia landa teritorio estis liberigata, sed la monatoj, kiuj estis sekvontaj, ankoraŭ alportis al multaj inter ni plej gravajn batojn.

Ni pensas pri tiuj, kiuj falis en la rangoj de la Rezistant-organizacioj, en la rangoj de nia juna renovigita armeo, aŭ kiuj estis mortigitaj de la bomboj en Antverpeno kaj Lieĝo kaj dum lasta atako de la malamiko en la Ardenoj ; pri tiuj, kiuj ĉion perdis per tiu lasta buĉiga bombardado sencela de niaj plej belaj regionoj.

... ... ... ... ... ... ... ...

Tuj la estraro de nia Reĝa Belga Ligo Esperantista ekzamenis la situacion, interrilatis kun la grupestroj, sed la vivcirkonstancoj en multaj urboj de nia lando ankoraŭ estis tiaj, ke ĝi devis prokrasti la alvokon, kiun ni hodiaŭ direktas al ĉiuj antaŭmilitaj Esperantistoj.

Dum la tuta milito, nia movado fakte stagnis. Tiuj, kiuj okupis nian landon ne ŝatis Esperanton. La tuta estraro de nia Ligo havis la viziton de la Gestapo kaj ĉe kelkaj inter ni oni ĉion kunportis, kio rilatis al Esperanto.

Sed post tiu longa deviga dormado, ni estis feliĉaj aŭdi ke, ekster Eŭropo kaj en la eŭropaj landoj, kiuj ne estis envolvigitaj en la milito, la Esperanto-movado floradis ; ke en kelkaj landoj eĉ la movado kreskis kaj ke nia internacia organizaĵo kalkulas nun pli da membroj ol antaŭ la milito !

La vekiĝo, post la dormado, [illegible] estis malagrabla. La sonĝoj, kiujn ni faris dum tiu longa nokto, ne estis nur sonĝoj. Ili respegulis veran realecon.

Tial estas nia ĉies devo, eĉ se ni maljuniĝis dum tiuj kvin jaroj kaj sentas la pezon de tiuj vere tre longaj jaroj ; eĉ se ni ne plu disponas pri tiom multe da laborkapablo kaj da tempo-libereco, reenvojiĝi la ĉaron, restariĝi la movadon kaj reforĝi la ĉenon, kiu ligis nian enlandan movadon al tiu de la aliaj landoj de la mondo. Neniu inter ni havas la rajton forlasi nunmomente la movadon aŭ ne helpi al ĝia reviĝigo. Ĉiu havas la devon repreni, almenaŭ momente, la taskojn kiujn li plenumis, ĝis kiam, ni esperu tre baldaŭ, nova sango permesos rejunigon de la gvidantaro en ĉiuj sektoroj de nia laborkampo.

Se ĉiuj, kiuj ĉe posteno alta aŭ malalta, en la nacia aŭ en la loka movado, respondas jese al tiu alvoko, baldaŭ la belga Esperanto-movado reiĝos ekzemplo por la alilandaj Esperantistoj.

Tio estu nia celo tuja.

Maur. JAUMOTTE

## AL NIAJ ABONINTOJ 1940

**Tiu ĉi numero estas senpage sendata al ĉiuj abonintoj de nia revuo dum 1940.**

**Ĉiu kiu deziras ricevi la numerojn de 1946, tuj pagu sian kotizon al sia grupo aŭ al la Liga kasisto (Poŝtĉeko de Reĝa Belga Ligo Esperantista 1337.67 (La Louvière).**

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## PRI NIA BULTENO

Tiu ĉi numero de nia revuo « Belga Esperantisto » volas esti la lasta numero de la jaro 1940... kaj de 1945.

Tiuj, kiuj bindigas nian organon, bindigu, tiun ĉi numeron kun la malfeliĉe tro maldika kolekto de 1940, kies publikigo estis interrompita de la milito.

Laŭ la intencoj de la estraro, « Belga Esperantisto » aperos, dufoje en ĉiuj tri monatoj, ĝis kiam ĝi konos pli ekzakte la vivrimedojn de la Ligo. Kaj ni esperas ke tiam, tre rapide, ni povos antaŭvidi denove regulan monatan eldonon, kiel antaŭe.

Ĉiuj kunlaboru por havigi al ni abonantojn kaj legantojn. Ju pli granda estos ties nombro, des pli ofta povos esti la aperigo de la revuo.

## FAMILIA VIVO

En nia revuo regule aperis rubriko de la Familia vivo de nia membraro. En ĝi ni informis pri la funebroj, kiuj trafis nian Ligon aŭ la familiojn de liganoj ; pri la ĝojigaj okazantaĵoj ankaŭ, kiel edziĝoj, naskiĝoj, k.t.p.

La Ligo kaj la Instituto estis ambaŭ trafataj en siaj plej helaj fortoj per la morto de S-ro Cogen, honora vicprezidanto de la Ligo, kaj de S-ro Louis De Hondt, administranto-delegito de la Instituto.

Individue la ligestraranoj ankaŭ konas iujn detalojn pri cirkonstancoj feliĉaj kaj malfeliĉaj, kiuj trafis niajn amikojn, sed la estraro faras alvokon al ĉiuj la legantoj de nia revuo por ke ili informu la direktoron, antaŭ la 10-a de Januaro pri ĉiu okazintaĵo, kiu povus esti enpresata en la familia rubriko de Januaro 1946.

Ni en ĝi presos honoran liston de mortintoj, kies familioj jam de nun ricevu la esprimon de nia plej profunda kunsento ; de la milit-kaj politikaj kaptitoj kaj de ĉiuj kiuj pli kruele ol aliaj suferis pro la milito.

Ĝi enpresos ankaŭ kun ĝojo la liston de tiuj, kiuj eĉ en tiuj teruraj jaroj, konis momentojn da ĝojo pro familiaj cirkonstancoj.

Ke ĉiu do kunlaboru por ke tiu rubriko estu kompleta en tiu unu numero.

Estas ĉiam malagrable por la familianoj, vidi ke iu nomo kara estis forgesata.

## NACILINGVAJ ARTIKOLOJ

Ni atentigas ĉiujn niajn legantojn pri decido, kiun ili trovos en la raporto de la administrantara kunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

De la numero de Januaro 1946, aperos du paĝoj nacilingve redaktitaj, unu en flandra, unu en franca lingvo.

La celo estas, ke ankaŭ ne-esperantistoj povu havi intereson en la legado, do ankaŭ abono de nia revuo.

La administrantaro ankaŭ decidis, meti senpage kelkajn ekzemplerojn de ĉiu numero je la dispono de kiu ajn, kiu antaŭe mendos por transdono al iu varbigota amiko aŭ influa persono, kondiĉe ke li konigu la nomon kaj adreson al la Ligestraro.

La celo estas efektive, ke la Ligo mem skribos al tiuj personoj, post kiam ili estos ricevintaj tri numerojn por demandi ĉu la alsendo interesis ilin kaj ĉu ili eventuale ne dezirus aboni kaj aliĝi al nia movado.

La nacilingvaj artikoloj neniam estos tradukoj unu de la alia en sama numero, sed la tradukoj aperos tamen en la revuo post kelkaj monatoj. Tiel tiuj, kiuj kapablas legi ambaŭ niajn naciajn lingvojn trovos, en ĉiu numero, du diversajn artikolojn kaj tiuj kiuj estis interesataj per iu speciala artikolo, tamen retrovos la tradukon post kelkaj monatoj en la sama kolekto.

---

## Kunveno de la Administrantaro

**Dimanĉon, 25-an de novembro 1945, en kafejo « Les deux Bécasses », rue au Beurre, 40, Boterstraat Bruselo.**

**Prezidas :**

D-ro Paul Kempeneers, Liga Prezidanto.

**Ĉeestas :**

S-ro Maurice Jaumotte, vicprezidanto ; S-ro André Tassin, kasisto ; S-ro Charles Poupeye, sekretario ; F-ino Jennen, administrantino.

**Senkulpiĝis :**

S-ino Maria Elworthy-Posenaer, honora administrantino ; F-ino Yvonne Thooris, S-ro Charles Decoster, S-ro Auguste Faes, S-ro Clotaire Vandevelde, geadministrantoj.

La kunveno komenciĝas je la 10-a matene per komunikado de leteroj de S-ino Elworthy-Posenaer, F-ino Thooris, S-ro Vandevelde.

Poste estas ekzamenataj la punktoj de la tagordo :

**1-e Ekzameno de la ĝenerala situacio de la Ligo :**

**A) Morala :** S-ro Jaumotte mallonge skizas tiun situacion laŭ la raportoj faritaj dum la estrarana kunveno de 21/10/45. Nur Brusela Grupo kunvenas regule kaj enskribigis 58 membrojn dum la nuna jaro. La Prezidanto resumas rekomendante grupan alvokon al la membroj por kunveni regule, eĉ en kafejo.

**B) Financa :** S-ro Tassin rimarkigas ke 58 kotizoj por 1945 estas pagitaj, kaj ke la kaso entenas en mono kaj P.C.K. iom pli ol 6.000 frankojn. 80 esperantistoj pagis kromkotizon al I.E.L. kaj inter ili kelkaj povos esti regajnataj por R.B.L.E.

**Kotizoj :** Unuanime la administrantaro konfirmas la decidon de la estraro rilate al la plialtigo de la kotizoj grupaj de R.B.L.E. kaj la kromkotizoj de I.E.L .ambaŭ por 1946 :

**a) Grupaj kotizoj :**

Membro kun abono al B.E. : 70 fr. el kiuj 40 fr. al la Ligo.

Familia membro : 35 fr. el kiuj 15 fr. al la Ligo.

(el tiuj du kotizoj la Ligo transpagos al I.E.L. : 1/2 sh. = proksimume : 4,50 frankojn.)

**b) Kromaj kotizoj al I.E.L. por individuaj membroj :**

Membro kun jarlibro ........ 40 fr.
Membro-abonanto ............ 100 fr.
Membro-subtenanto ......... 200 fr.

(el tiuj kromaj kotizoj la ĉefdelegito I.E.L. rajtas depreni 10%. Pri divido de tiuj 10 % estas decidata sub punkto 6-a « Rilatoj kun I.E.L. ».)

**2-e Decido pri la plilongigo de la mandatoj :**

Propono de la estraro aprobata, laŭ kiu la mandatoj de la administrantoj kaj komisaroj estas plilongigataj ĝis la venonta ĝenerala kunsido de la Ligo (7-an de aprilo 1946).

Pro la morto de S-ro Léon Cogen, administranto, tiu loko vakas.

**3-e Belga Esperantisto :**

Prezento de la propono de S-ro Vandevelde. Post diskuto la kunveno unuanime decidas dediĉi du paĝojn en ĉiu N° de B.E. al nacilingva propagando. Sur Paĝoj 4 kaj 5 estos presataj propagandaj artikoloj, unu franclingva, la alia flandralingva. La artikoloj ne estos la samaj, sed ilia tra-

# Bericht

**In elk der nummers, die in 1946 zullen verschijnen, zullen propaganda-teksten afgedrukt worden in onze beide nationale talen.**

**Het doel hiervan is, dat ons orgaan ook als propaganda-middel zou kunnen gebruikt worden door onze leden, die gratis bijkomende nummers zullen kunnen bekomen, onder de eenige voorwaarde, dat zij ons de namen en de adressen zouden laten geworden van de personen, die zij hopen voor onze zaak te kunnen winnen.**

**De bedoeling van het Bestuur van onzen Bond is, na een drietal maanden, deze personen dan, per specialen brief, attent te maken op onze beweging en eventueel hun aansluiting te vragen.**

**Wij verzoeken ook onze leden, ons namen te laten geworden van zulke personen of groepeeringen, indien zij wenschen, dat wij zelf de heele propaganda op ons nemen.**

# Avis

**Nous publierons dans chacun des numéros de notre revue, paraissant en 1946, des textes de propagande, rédigés en nos deux langues nationales.**

**Le but de ces articles est de faire de notre revue un instrument de propagande, que nos membres pourront utiliser, en nous demandant des numéros supplémentaires, qui seront gratuitement mis à leur disposition, à l'unique condition qu'ils nous fassent connaître les noms et adresses des personnes auxquelles ils sont destinés.**

**Le Comité directeur de notre Ligue a, en effet, l'intention de toucher ces personnes par lettre spéciale, après l'envoi de trois numéros, et de tâcher de les gagner à notre mouvement.**

**Nous prions nos membres de nous faire parvenir les noms de telles personnes ou sociétés, s'ils désirent que nous assumions nous-mêmes cette propagande.**

---

duko aperos en iu sekvonta numero. Ili estos verkitaj de S-ro Vandevelde, de F-ino Jennen kaj ankaŭ verŝajne de S-ino Elworthy, al kiu lasta tio estas petata. Sur la unua paĝo de la revuo aperos noteto, kiu atentigos pri la nacilingvaj artikoloj.

La unua numero aperos ĉirkaŭ la 25-a de decembro 1945, ĝi entenos la grupajn programojn por januaro 1946, kaj alvokon al ĉiuj membroj por sciigoj pri familiaj okazintaĵoj publikigotaj en la « Familia Kroniko » de la sekvonta numero.

**4-e Ekzameno de la tuja estonto kaj de la rimedoj por revigligi la movadon:**

a) **Gazetara servo :** S-ro Jaumotte reordigos la adresliston de la gazetoj al kiuj komunikaĵoj povus esti sendataj kaj li petos al S-ro Van den Bossche prizorgi la redaktadon de tiuj komunikajoj.

b) Legado de la **proponoj** el letero de S-ino Elworthy : Insisto pri pratika uzo de Esp. ekzemple por komercaj celoj per perado de la delegitoj de I. E. L.

c) Kelkaj **numeroj de B.E.** estos sendataj — ekster abono — al membroj de R.B.L.E. por propagando apud eminentuloj, kondiĉe ke la membro konatigu la nomon kaj la adreson de tiuj personoj.

d) Okaze de la venontaj **leĝdonaj elektoj,** peto de aprobo de Esp. estos sendata al ĉiuj kandidatoj-deputitoj kaj senatanoj.

**5-e Nacia Kongreso en 1946 :**

La administrantaro unuanime elektas Bruselon kiel kongresurbo, prefere al La Louvière. Dato : 9-an de junio 1946.

Principe la kongreso estos organizata de la Brusela Grupo, sed se eble en kunlaboro por ĉiuj komunaj aranĝoj kun Intergrupa Komitato Esperantista (I.K.E.) el Bruselo, tiamaniere ke ĉiuj esperantistoj el Belgujo povu partopreni. Tiurilate S-ro Jaumotte interrilatos kun S-ro Van Gindertaelen, advokato en Mehleno, Prezidanto de Flandra E. L. por ekzameni eblecojn.

Por la sekvontaj jaroj, la administrantaro elektas :

1947 : Antverpenon.
1948 : La Louvière.

**6-e Rilatoj kun I.E.L. :**

El la **kromaj kotizoj** por I.E.L. la ĉefdelegito rajtas depreni 10 %. La kunveno proponas dividi tiun procenton laŭ sekvanta maniero :

2,5 % al la Ĉefdelegito ;
2,5 % al la Grupo ;
5 % al R.B.L.E.

**Delegitoj I.E.L.** — La kunveno decidas ke ne-membroj de R.B.L.E. povas esti akceptataj kiel Del. I.E.L. N U R en lokoj kie ne jam estas Del. kaj kie ne loĝas membro de R.B.L.E. kiu konvenus por tia posteno.

**U.E.A. kaj I.E.L.** — Propono de Nov.Zelanda Asocio pri refandiĝo de ambaŭ organismoj. Principa akordiĝo sed nur en la spirito de la decido de la landaj asocioj.

**7-e Rilatoj kun aliaj E. organizaĵoj en nia landa :**

Principo estas aprobata pri kunlaboro kun aliaj organizaĵoj, laŭ la senco de § 13 kaj 14 de la statuto de I.E.L. ; tiel iliaj membroj povus esti nomataj fakaj delegitoj de I.E.L.

**8-e « Belga Esperanto-Instituto » :**

S-ro Jaumotte raportas pri favora situacio. La Prezidanto gratulas la raportinton.

**9-e Diversaĵoj :**

a) Difino de datoj por venontaj kunsidoj :

1-e kunveno de la Estraro : 3-an de februaro 1946
2-e kunveno de la Administrantaro : 3-an de marto 1946
3-e ĝenerala kunsido de la Ligo : 7-an de aprilo 1946
4-e Nacia Kongreso : 9-an de junio 1946

b) Propono aprobata pri invito al S-ro Vandevelde partopreni en la estraro kiel propaganda sekretario.

c) Propono aprobata pri disdono dum nacia kongreso de distingo por malnovaj membroj de R.B.L.E.

La kunveno estas fermata je la 12-a 45.

# BELGA KRONIKO

Sub tiu ĉi titolo, ni ĝis nun presis kaj la programojn de venontaj monatoj kaj la raportojn pri la okazintaĵoj de la grupa vivo en niaj diversaj centroj.

Kiel jam dirite, nur la Brusela Grupo ĝis nun vere revigliĝis kaj havis regulajn kunsidojn kaj partoprenis feston organizitan de I.K.E., la intergrupa komitato esperanta de la ĉefurbo.

En Antverpeno, simila Komitato E.K.I. havis jam monatajn kunsidojn dum kiuj laŭvice paroladis diversaj malnovaj esperantistoj kaj jus dum la lastaj tagoj, la 15-an de Decembro, organizis komunan feston.

La loka sekcio de la Ligo, la reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo », havis unuan apartan kunvenon, dum kiu estis decidata la revigligo de la movado ekde Januaro.

# Belga Esperanto-Instituto

Krom regulaj promenadoj komunaj, organizitaj de la Brusela Grupo, la por-esperanta laboro de la Ligo, komplete stagnis de Majo 1940.

Belga Esperanto-Instituto tamen daŭrigis sian laboron dum la tuta milito.

La Magazeno, en la Lange Leemstraat, en Antverpeno, sur kies fasado montriĝas, en grandaj literoj, la nomo « Belga Esperanto-Instituto » kaj sur kies elmontra fenestro ankaŭ estas legebla la vorto « Esperanto », neniam malfermis sian pordon.

Tuj post la alveno de la germanaj invadintoj, S-ro De Hondt administranto-delegito, decidis kun S-ino Van den Bossche, remalfermigi la magazenon, dum foresto de la Prezidanto, kiu, dum kvar monatoj ankoraŭ plenumis sian por Ruĝa-Krucan laboron en Francujo.

Post sia reveno, S-ro Jaumotte tuj kunvokis la administrantaron kaj tiu ĉi decidis daŭrigi la laboron, t. e. la vendadon de esperantaĵoj al tiuj kiuj, malgraŭ ĉio tiajn deziris, — kaj dum la tuta milito estis aĉetantoj de libroj —, kaj de ne-esperantaĵoj, kies kromvendado devas permesi la daŭran, firman vivon de nia Instituto.

Ĝis la tago kiam la Gestapo vizitis la gvidantojn de la belga movado, nur Esperanto-libroj kuŝis en la elmontra fenestro.

Post tiu tago kaj por ne speciale altiri la koleron de la malamikoj, la esperantaĵoj malaperis el la elmontrejo, sed la vendado daŭre okazadis en la magazeno.

Povas ŝajni mirinde, kiam ni rerigardas al tiu malfeliĉa periodo, ke, malgraŭ la grandegaj kostoj de luado de tuta magazena teretaĝo en unu el la plej belaj stratoj de la urbo ; la pago de regulaj salajroj kaj ĉiuj aliaj pli-malaltaj sed same regulaj elspezoj, la Instituto tamen kapablis, per propraj rimedoj, daŭrigi sian vivadon.

Ni ne havas la necesan spacon tie ĉi por publikigi, kiel ni faris antaŭe, la bilancojn de nia nacia Instituto.

Ni tamen volas citi kelkajn ciferojn.

Malgraŭ la milito, kaj post la pago de la luo, de la salajroj kaj de ĉiuj kostoj, la jaro 1940-41, lasis deficiton de nur Fr. 1.459,72.

La jaro 1941-42 estis, por nia Instituto, grava, kriza jaro, dum kiu estis inaŭgurataj gravaj kunpremoj de la ĝeneralaj kostoj. Malgraŭ tiuj ĉi sekvis nova deficito de Fr. 4.519,18, kiu pligrandigis la bilancan malfavoran saldon ĝis Fr. 6.029,52.

Konsiderante ke ni disponas, en nia bilanco, de Fr. 3.800 laŭleĝa kaj Fr. 23.000 eksterordinara rezervo, tiuj ciferoj tamen ne influis la decidon de la administrantaro, kiu nepre volis rezisti.

Kaj vidu la rekompencon !

El la jarraporto de 1942-43, ni ĉerpas :

« Hodiaŭ ni havas la plezuregon komuniki al vi, ke la jaro 1942-43 kaŭzis ne nur nenian malprofiton, sed alportis al nia Societo, gajno sufiĉa por forviŝi, en unu bilanco, la sumon de ĉiuj antaŭaj deficitoj !

La profita saldo de tiu ĉi jaro estas efektive Fr. 7.144,62 tiel ke nia perdo - kaj profit - kalkulo devus montri profitan saldon de Fr. 1.114,87.

Malgraŭ nia nunjara sukceso, ni volas esti kaj resti tre prudentaj. Tiu ĉi bonega rezulto devenas efektive parte el la fakto, ke la plialtigo de la prezoj de la papero, devigis nin ja aĉeti niajn kajerojn kaj aliajn paperaĵojn pli multekoste, sed, vendante ilin, ebligas al ni, fari pli sum-gravan profiton, dum niaj ĝeneralaj elspezoj, — luo kaj salajro —, restis proporcie same malgravaj kiel la antaŭajn jarojn.

Tial ni dediĉis parton el nia nunjara profito al la plena amortizo ĝis la valoro de unu franko, de nia lu-biblioteko kaj altigi la amortizon pro debitoroj dubindaj de 509,55 ĝis frankoj 1.000,—.

Tiel nia Instituto staras nun, sen kia ajn ŝuldo, sed kun ampleksaj rezervoj, laŭleĝa kaj eksterordinara ..................Fr. 26.800,—
amortizoj diversaj ...... 6.896,75

Entute Fr. 33.696,75

por pagita kapitalo de Fr. 68.928,08 tio signifas preskaŭ 50 %.

Je tiu momento la magazeno, sen la meblaro, montris stokon de Fr. 83.003,33, kalkulitaj je la antaŭmilitaj aĉeto-prezoj. Ni povas diri ke la valoro de niaj akcioj, se ni volus uzi la borsajn terminojn kaj evaluaciojn, preskaŭ duobliĝis!»

La sekvanta jaro, pro la evoluo de militaj cirkonstancoj, ne plu alportis al ni profiton kaj ankaŭ la nuna jaro verŝajne ne faros, ĉar la kondiĉoj pri kiuj ni parolis en la ĉi supra raporto, — malalteco de la luo kaj de la salajroj — ne plu estas identaj.

La registaro mem nun fiksas la luprezojn kaj la salajrojn kaj ni devos, en la estonto, vidi kiajn novajn rimedojn necesigos la situacio.

Ĉiuokaze, la administrantaro povos prezenti al la akciuloj, dum la Kongreso de Pentekosto 1946, bilancon, je la 31a de marto de tiu sama jaro, kiu montros instituton, finance fortan kaj bonfartan.

Dependos de la Esperantistoj, ĉu ĝia laboro povos ankoraŭ en la estonto fariĝi en la gaja heleco de bela magazeno, aŭ en la malgaja malheleco de iu greneja stokejo.

Ni ne dubas, ke la belga Esperantistaro volos kunhelpi por ke tiu lasta supozo neniam realiĝu.

# Je l'Memoro de nia Majstro

## La Familio ZAMENHOF

Sabaton la 15-an de Decembro ni memoris ĉiuj, ĉu kune en komuna kunveno, kiel en Antverpeno, ĉu enkore, la Zamenhoftagon, la grandan feston de la tutmonda Esperantistaro.

Kaj niaj pensoj kompreneble iris ankaŭ al tiuj, kiuj estis speciale karaj al la Majstro, liaj gefiloj, pri kiuj ni, jam en 1940, havis tiel malbonajn novaĵojn.

En nia numero de Marto 1940, ni reprenis el la oficiala bulteno de I.E.L. la jenan informon :

« D-ro Adam Zamenhof, la filo de la Majstro estas en malliberejo en Varsovio ; lia edzino kaj liaj fratinoj Lidja kaj Sofio, estas en alia malliberejo en Polujo ; lia filo Ludoviko, esta libera en Varsovio. »

Je tiu momento, la internaciaj organizaĵoj komencis agadon por liberigi ilin kaj permesi al ili komenci novan vivon aliloke.

Sed baldaŭ la milito etendiĝis al la aliaj landoj kaj ni nenion plu eksciis.

Antaŭ kelkaj semajnoj, aperis la unua numero de multobligita Bulteno de Pola Esperantista Societo. En tiu numero estis presata jena informo pri la sorto de la familio Zamenhof :

« Tuj post eniro de la Germanoj, la Gestapo elserĉis la familion de nia Majstro, jam en nova loĝejo, ĉar ilia domo en Krolewska strato estis ruinigita. La filo de la Majstro, D-ro Adamo, estis arestita kaj de tiam ĝis nun estas nenia signo pri lia vivo. Kune kun li, oni arestis lian edzinon, S-inon Wanda kaj la filinojn de la Majstro, F-inojn Sofia kaj Lidja, sed post kelkmonata karcerigo ili liberiĝis. En 1940, la Germanoj aranĝis en Varsovio, t.n. **ghetto** kien transloĝiĝis ankaŭ la familio de nia Majstro. En 1943, kiam la Germanoj komencis gasvenenigi la loĝantaron de Polujo, F-ino Sofia estis elveturigita el la **ghetto** kaj mortigita. Post iom da tempo, Germanoj traserĉis kaj kolektis malsane aspektantajn Hebreojn, kiujn ili elveturigis el la **ghetto,** laŭdire por sanigi ilin. Sed anstataŭ tio, ĉiuj estis dispafigitaj proksime de la **ghetto.** Inter ili estis F-ino Lidja Zamenhof. El la tuta familio de nia Majstro vivas nun nur S-ino Wanda (en Varsovio) kaj ŝia filo Ludoviko, studento en Lublino. »

Tiu ĉi informo ŝajnas do lasi nenian esperon iam revidi la karajn familianojn de nia Majstro, kiujn multaj inter ni renkontis dum unu el la internaciaj kongresoj.

Tamen en la lasta Bulteno de I.E.L. aperis noteto lastmomenta :

« Ni jus ricevis informon de S-ino Wanda Zamenhof, ke ŝi ankoraŭ havas esperon ke D-ro Adam kaj F-inoj Lidja kaj Sofia ankoraŭ vivas. »

Tiu noteto kaj verŝajne ankaŭ la letero de S-ino Wanda ne diras, ĉu temas tie ĉi nur pri la espero, kiun familianoj ankoraŭ longtempe konservas pri la tiel dezirata kaj ĉiam ebla reveno de estaĵoj karaj, aŭ ĉu vere tiu espero sin apogas sur iuj precizaj novaĵoj.

Ĉiuokaze la tuta esperantistaro plene kunsentas kun la suferoj de tiuj familianoj de nia Majstro kaj esprimas sian esperon ke la antaŭvidoj de S-ino Wanda povu efektiviĝi !

---

## La ZAMENHOF-Monumento

Kaj dum ni pensas pri la familianoj de nia Majstro, niaj pensoj ankaŭ iras al tiu bela monumento, kiun la Esperantistaro konstruigis sur lian tombon.

Ĉu ĝi ankoraŭ ekzistas, aŭ ĉu la milito ankaŭ ĝin detruis ?

Pri tio ni nenion ankoraŭ ekscias.

Atendante precizajn novaĵon, ni represas, ĉi sube, parton de artikolo, kiun J. D. Applebaum, ekssekretario de la Organiza Komitato por la monumento, skribis en la unua militjaro kaj kiu aperis, je la fino de 1940, en la bulteno de I.E.L. Ĝi memorigas al ni detalojn pri la efektivigo de tiu pia ideo de konstruo de iu longdaŭra monumento :

« Estas la jaro 1921, la postmilita Esperanta periodo. La kuglofajroj de freneza interpopola batalado estas jam estingitaj, kvankam la cindra mizero materiala ankoraŭ flagras supere. En la koroj de la popoloj de ĉiuj landoj, sed speciale, en la nove konstruitaj landoj, pulsas dezirego por nova ordo, novaj, pli bonaj idealoj. « For la bataliloj », oni ripetas ĉie, « regu de nun eterna paco ; kiel fratoj ni vivu harmonie ». Tamen la diverseco lingva, kiel dikega muro baras la vojon de interkompreno. Kion fari ?

Voko iele ekiras tra la mondo. Jen la solvo de la problemo. Oni ja aŭdis multe pri Esperanto eĉ dum la milito, en la kazernoj, sur la batalkampoj, inter la milit-kaptitoj. Ĉie la semo estis semita. Kial ne elprovu ĝin ? Kaj la junaj respublikoj kaj la vekiĝintaj nacioj eltrinkas el la Esperanta pokalo kun la avideco de vaganto en dezerto, kiu trovas akvofonton. Kongresoj okazas, naciaj kaj universalaj ; kursoj stariĝas en ĉiuj anguloj de la mondo ; la aneco de U.E.A. subite saltas alten, kiel la merkurio en termometro. Esperantaj gazetoj aperas en multaj mondanguloj ; la Esperanta literaturo ekfloras, en tradukoj kaj originalaĵoj. Ĉio progresas per agla flugado. Tia estis la atmosfero en kiu ĉirkaŭ kvarmil Esperantistoj el multaj landoj aklamis mian rezolucion ĉe la Praha Universala Kongreso de Esperanto « Ke la tutmonda Esperantistaro konstruu monumenton en Varsovio al la kreinto de Esperanto ».

De la komenco la Organiza Komitato celis, ne la kolekton de grandaj sumoj inter la riĉa samideanaro, sed etajn kontribuojn de la grande amaso da Esperantistoj kaj simpatiantoj de la movado, tiel ke la monumento estu vera reprezentajo de la tutmonda Esperanta publiko. Ke oni plene sukcesis en tio, montras la sekvanta statistiko. La monkolekto venis el la kvin kontinentoj, tridek kvar diversaj landoj, dek kvin naciaj Esperantaj organizaĵoj, kaj sesdek apartaj grupoj kaj centoj da individuaj Esperantistoj.

La unuan monkolekton oni faris en Praha dum la kongreso. Poste oni kolektis ĉe la Britaj kongresoj pere de la Honora Sekretario, kaj ĉie pere de la kuponpartoj, speciale eldonitaj kaj disvastigitaj inter helpantoj tra la mondo, per la helpo de artikoloj en la Esperantaj gazetoj.

La modestaj moneroj alflugis poŝte kaj per bankoj. Spite ĉiujn monkrizojn kaj la inflacian tempon en mez-Eŭropo, ni kolektis la belan sumon de ĉirkaŭ kvincent funtojn sterlingajn. Oni ne forgesu la tragedion, ke ofte okazis ke sufiĉe bela sumo duoniĝis survoje al la kaso en Anglujo pro la falo de la kurzo.

La stilo por la monumento estis elektita post konkurso de skulptistoj en Varsovio. Ĉar oni volis havi la plej longdaŭran marmoron, oni fabrikigis la monumenton en norda Skotlando, el Kenmal-marmoro, transŝipigis ĝin al Danzig, kaj, de tie, fervoje al Var-

# La Naskiĝo de la Mondlingva Problemo

zolitaj kaj solaj vivis la unuopaj ıtoj en la antikvaj tempoj ; sen ta reciproka kontakto ili vivis pres- ı severan apartvivon por si mem. tre baldaŭ venis ŝanĝo. Estis spe- e la komercantaj Fenikoj, plue la itoj de Aleksandro Granda kaj la rigo de la Roma mondregado, kiu roksimigis la popolojn kaj kreis lan trafikon inter ili.

Al tiu epokfaranta momento de la ikva tempo viciĝis en mezepoko la ıpo de malkovroj kaj inventoj, kiu vastigis la komercon en la plej mal- ksimaj landoj kaj kaŭzis la mirinde pleksan interŝanĝtrafikon.

La kresko de la internaciaj rilatoj, lte superintaj la kadrojn de koncer- rilatoj dum la antikvo kaj meze- poko, aktualigis la problemon pri la lingvo universala. Jam ne eblis kon- tentiĝi pri tiu skalo de internaciaj rilatoj, kiuj difinis siatempe interna- cian uzadon por limigitaj lokaj bezo- noj de la lingvoj : Babilona, antikva Greka kaj Latina. La malkovro de la Nova Kontinento kaj la grandiozaj perspektivoj de plifortigo kaj simpligo de rilatoj kun Indujo kaj aliaj landoj, kresko de potenco kaj influo de nova socia klaso, la burĝaro, celanta forigi la nacian limigitecon de feŭda meze- poko, decida fiasko de la mezepoka internacia lingvo, la Latina, kiu jam ne kapablis konformiĝi al bezonoj de rapide evoluantaj scienco kaj tekniko — ĉi tiuj faktoroj akcelis la starigon de la problemo pri dezirindeco de nova lingvo — ilo por interpopola interkompreniĝo.

Interpopola jargono de Mediteraneaj havenoj dum la mezepoko—la Lingvo Franka—ne povis solvi tiun taskon. Provoj verŝi novan sangon en la mezepokan Latinon, vivigi kaj pli- konformigi ĝin al novaj bezonoj mon- triĝis senrezultaj. De kiam en la nun- tempo la meditanta intelekto de la homo enkatenigis la vaporforton kaj devigis ĝin servi al li, de kiam la elek- tra fajrero trakuras la tutan mondon kiel sendito, drat- kaj rel-retoj dis- branĉiĝas al ĉiuj direktoj, atingis la komerco sian zeniton. Ĝi fariĝis ĝene- rala kaj disvolviĝis al la mondkomer- co ! Por kvazaŭ kroni tiun grandiozan ekfloron de la komerca vivo, kunvenis la 15-an de Septembro 1874 repre- zentantoj el ĉiuj landoj al la unua internacia poŝtkongreso en Bern kaj kreis la mondpoŝtasocion sur kiun ili surpremis la stampon de internacia agado kaj kosmopolita simetrieco.

Tiel estas sur nia globo kvazaŭ forigitaj la baroj de la spaco kaj de la tempo, kaj en relative mallonga tem- po oni povas atingi la plej malproksi- majn regionojn, oni povas interrilati kun ĉiuj homoj. Tamen unu malhelpo baras ankoraŭ ĉie la vojon kaj preskaŭ malebligas la perfektigon de la gran- dioza mondkomerco kaj de la ĝenerala ideo-interŝanĝo, kaj ĝi estas

**la senlima multlingveco**

Por parte aŭ tute forigi, aŭ almenaŭ parte redukti tiun ĉiompotencan ba- ron je minimumo, estis faritaj jam depost pli ol 200 jaroj provoj de la eminentaj viroj de diversaj nacioj. La malnovaj kulturpopoloj, la Grekoj kaj la Romanoj, zorgis nur pri sia propra lingvo kaj parolis kun fiera malestimo pri la maldelikate kaj neformite al ili sonanta idiomo de « barbaroj ». Kun la plivastigo kaj disetendo de la Roma regno, eksterordinare disvastiĝis kaj disetendiĝis ankaŭ la Latina ling- vo, tiel, ke oni povas signi ĝin kiel mondlingvon de la tuta mezepoko. Tiel povis ankoraŭ la Italo Johannes Capistran (†1456) el la kongregacio de la Sankta Francisko en Vieno esti komprenita antaŭ 100.000 da homoj en sia Latina prediko, kiun li faris kontaŭ la erardoktrinoj de Hus.

Konstantinopolo falis kaj la iam tiel floranta Grekujo venis en la manojn de la Turkoj. La Grekaj sciencistoj grandamase forkuris autaŭ la barba- reco de la Mahomedanoj okcidenten. La humanismo disvolviĝis ; la granda skizmo eksplodis ; gravaj eltrovoj kaj malkrovoj estis faritaj ; okazintaĵoj,

---

io. Eĉ la Pola Registaro helpis nin la liberigo de la monumento de j impostpagoj, kaj donis specialan aton fervojan.

La organiza komitato antaŭvidis nstantan pilgrimadon de Esperan- oj el la tuta mondo al la tombo la Majstro, kaj tial decidis starigi monumenton sur la tombon. Kaj jen, en Aprilo la 28-a 1926, en ĉe- esto de multaj eminentuloj, Esperan- tistoj, kaj aliaj, la solena malkovro de la monumento okazis. Oratoris famaj Esperantistoj kaj registaraj delegitoj, kaj oni legis multajn telegramojn, kiuj venis el ĉiuj mondpartoj.

La tasko de la Organiza Komitato finiĝis...

# Ni restarigu la Monumenton

Ni ne scias, ĉu la monumento el ij longdaŭra Kenmal marmoro, kiu 1926 estis starigata de la Esperan- taro sur la tombon de nia Majstro, koraŭ sur ĝi staras.

Ni esperas ja, sed eĉ se ĝi estus ruita, ni memoru ke tiu monu- nto estis nur la monumento de la perantistoj donacita al la Majstro, st lia morto.

Sed ne nur tiu monumento endan- ĝigis dum kaj pro la milito.

Multe pli grava monumento, la ko kiun nia Majstro donacis al la perantistaro, ne nur al ĝi sed al la ta homaro, endanĝeriĝis.

Kaj se ni re-altiris la atenton pri la ua, estas ĉar ni deziris ankaŭ aten- ji pri la dua.

Kiel ni legis en la ĉi supra artikolo, la jaroj post la unua mond-milito, nur parolis pri paco ! Kiam ni pro- gandis Esperanton, ni speciale kre- jis ke Esperanto helpos alporti al la maro longdaŭran pacon, longdaŭran el la Kenmal-marmoro.

Sed dua mond-milito eksplodis, pli ura ol la unua ; eksplodis malgraŭ peranto, malgraŭ tiu granda emo ĉiuj al longdaŭra paco.

Tio verŝajne igos nin revizii nian propagandon kaj la rimedojn por ĝin efikigi.

El kelkaj artikoloj, aperintaj en diversaj revuoj dum la lasta tempo, oni povas rimarki emon substreki la praktikan, plivole ol la idealan grave- con de Esperanto. Kaj prave.

Bredon Clark, el Nov-Zelando, pri tio diras en artikolo « **Ni estu prak- tikaj** » :

« Antaŭjuĝo, afero pli de la emo- cioj ol de la intelekto, estos neniam forigebla per argumentoj, sed estos tuj silentigita per praktika pruvo. Ni do plenigu la mondon per prak- tikaj pruvoj pri la valoro de Espe- ranto, ĝis neniu krom idiotaĉo povos ignori ilin. Ĉi tio estas tiom facile farebla ĉe individuoj kiom ĉe organizajoj. »

Kaj la skribinto de la artikolo pro- ponas diversajn sugestojn pri kiuj ni intencas paroli pli longe en sekvanta artikolo.

Sed ni volas aldoni, ke jam dum la kunsido de la administrantaro de Belga Ligo, la sugestoj faritaj de la ĉeestintoj same kiel de tiuj, kiuj skribis siajn ideojn ĉar ili ne povis ĉeesti, iris tiun vojon.

Ĉiu pripensu la temon kaj faru ĉiujn sugestojn utilajn. M. J.

kiuj potence enmiksiĝis en la homan vivon kaj tiris post si viglan alternan trafikon.

Unu el la plej grandaj humanistoj de sia tempo, la Hispano Vives, en sia libro « De Disciplinis » (1532) skribis timoplene : « Estus feliĉo, se ekzistus unusola lingvo, kiun povus uzi ĉiuj popoloj... Pereos la Latina lingvo kaj tiam venos grava konfuzo en ĉiuj sciencoj, grava fremdiĝo inter la homa gento. » La maltaŭgo de la Latina lingvo por la aktualaj bezonoj estis tiom klara por la pensuloj de tiu tempo, ke la instruita kuracisto kaj astrologo, Nostradamus, en 1555 profetis en siaj antaŭdiroj « Centuries » aperon de nova kultura lingvo « inter la popoloj Latinaj kaj Orientaj ».

Sur tiu bonpreparita tereno de disreviĝo pri la malnovo kaj de atendo de io nova ekaperis multaj provoj solvi la problemon de tutmonda internacia lingvo. De la filozofoj Descartes (1629), Leibnitz (1666) kaj de la pedagogo Komensky (1641) dum la 17-a, 18-a, 19-a jarcentoj kaj ĝis la nunaj tagoj kontinue daŭras provoj skizi strukturajn bazojn kaj bazajn formojn de nova monda lingvo.

Leibnitz, la fondinto de la Germana naturfilozofio, malfermis la vicon de la mondlingvaj provoj, pensinte unue pri la ideo de universala lingvo, kaj li ekkomencis realigi ĝin. En la jaro 1666 li eldonis disertacion en la Latina lingvo ; « Disertatio de arte combinatoria » ! Kvankam ankaŭ tiu spiritheroo ĝisfunde okupiĝis ĝis sia vivfino per tiu penso, sen iu speciala rezulto, tiel oni tamen signas lin kun plena rajto kiel la « patron de la mondlingva ideo ».

Depost tiu unua provo oni publikigis en la diversaj Eŭropaj landoj ankoraŭ pli ol 50 pluajn. Ankoraŭ longe antaŭ la tempo, kiam la scienco kapablis plene kompreni la esencon de la « lingvo », apartaj scienculoj kaj pensuloj komencis ellabori projektojn de pazigrafio (universala ideografia skribo), de gestaj lingvoj, bazitaj sur sistemoj de logika klasifiko, de komunhomaj simbolaj lingvoj, k.t.p. En la jaro 1668 aperis verko de Angla episkopo, John Wilkins, sub la titolo : « An Essay towards a real character and philosophical language », (Provo al efektiva signo- kaj filozof-lingvo). La Utopiistoj Thomas More (1516) kaj Denis Vairrasse (1677) skizis bazojn de la estonta lingvo. Ankaŭ Fourier kaj Cabet sin okupis pri tiuj problemoj. La epoko de la granda Franca revolucio kaŭzis aperon de speciale konsiderinda nombro de similaj projektoj. Sed la nesufiĉaj konoj rilate al esenco de la lingvo kaj al la vojoj de ĝia evoluo, la troraciaj konceptoj de la epoko de la Franca revolucio, kiuj apartigis la lingvon—for de la socio, for de la formoj kaj kondiĉoj de la ekzistado de tiu socio— reale malebligis la aperigon de praktike efektivigeblaj projektoj pri la internacia lingvo. Tamen tiuj provadoj estis necesaj antaŭpreparaj laboroj, eksperimentoj kaj esploroj, sen kiuj ne estus solvo de la problemo.

Max Müller (« Prelegoj pri la scienco de la lingvo », II v.) montras al ni — kiel Wilkins fine — kvazaŭ per natura instinkto gvidita, la alvenon ĉe la ĝusta punkto, nome ĉe « vortlingvo », kiun vojon oni bezonis nur sekvi plu por ŝpari al la homaro 200-jaran vanan luktadon kun pazigrafia Utopio. Al tiuj viciĝas provoj de Beher, Andreas Mñller, J. Berger, Maimieux kaj ankoraŭ multaj aliaj. La 18-an jarcenton finas Sigard, fama instruisto por surdmutuloj, kiu eldonis en la jaro 1798 pazigrafion, kiu esprimiĝis kvankam eksterordinare, certe kaj klare, sed postulis senfinan penadon kaj strečadon.

En la 19-a jarcento la problemo de kaj strekadon.

En la 19-a jarceto la problemo de komuna lingvo interesis ne nur apartajn personojn, sed ankaŭ pli vastajn tavolojn. Tio klarigas la akcepton de pluraj sistemoj de diversaj internaciaj signaroj kiel lumtura signalado (1865), la mara signalaro (1871), la decimala klasifika sistemo por bibliotekoj, k. t.p. Tio klarigas aukaŭ la kvantan kreskon de la projektoj de artefarita lingvo dum la dua duono de la 19-a jarcento.

La lasta grava verko registrinda estas tiu de Antono Baĥmaier, en la jaro 1852 publikigita pazigrafio, en kies servo estas ankaŭ la nombrosignoj. Moseo Paic, Serbo, faris la nombrojn kiel bazon de sia pazigrafio ka de la — sur ĝi apogita — pazilali (efektiva vortlingvo). Ankaŭ tiu sistemo malmulte disvastiĝis. Malgraŭ tio ke la nombrosistemo de Baĥmaier en la plej alta grado estis tre simpla, ĉar ĝi aplikis naŭ ĝeneralajn kaj ses specialajn signojn, kiuj direktis sur sin la okulojn de la registaroj, tiel, ke ekzistis ŝancoj por ĝenerala kongreso, kiu devis okazi en Parizo, la entrepreno falis tamen denove en la sablon. Kial ? Estu inter la kaŭzoj unuavice la elĉerpiĝo de financoj, kiuj malsukcesigis la kongreson, la vera kaŭzo estas tamen multe pli profunde serĉinda : ĝi kuŝas en la sistemo mem. Ĝi estis konstruita sur sablo, kiel tiu de ĉiuj tiaj autaŭuloj depost 200 jaroj, ĉar oni plej malfacile eltrovis la plej simplan kaj plej facilan. Tial ni alvenis fine post 200-jara penplena luktado kaj celado ĉe la provo de la internacia komunikiĝlingvo, kiu kapablas, kiel malmultaj okazintajoj en la mondhistorio, kaŭzi en la kulturstato de la popoloj novan grandiozan epokon ; ĉe provo, kiu en sia profunda konstanta funkciado deklarigos ebl[e] la plej bonfaran efikon : ĝi estas tiu eltrovita de D-ro Zamenhof, **Esperanto.**

D-ro A. Mildwurf, Aŭstrujo.

# Internacia Esperanto-Ligo

Laŭ informo de la Centra Oficejo de Internacia Esperanto-Ligo je la 13-a de Oktobro lasta, la nombro de individuaj membroj estis jam rekordo. Efektive, pro neantaŭvidebla kresko de la MA (Membro-Abonanto) kategorio, la unua Numero de « Esperanto Internacia » por 1945 estis jam elĉerpita kaj pro tio mi nur povis akcepti kotizojn de MJ (Membro kun Jarlibro) dum la lastaj monatoj. Por Belgujo, pli al 100 (cent) aliĝoj de Individuaj Membroj estis notitaj por 1945. Bonvolu noti ĉi-sube la kotiztabelon por 1946 kaj pagu vian kotizojn por I.E.L. kaj Belga Ligo Esperantista, kune al via Grupo aŭ rekte al la Liga Kasisto. Novaj Membro-Abonantoj ricevos senpage la lasta(j)n numero(j)n de «Esperanto Internacia» 1945, se ili aliĝas antaŭ la fino d[e] tiu ĉi jaro.

**MJ** (membro kun jarlibro), ricev[as] membrokarton, servokuponaron kaj l[a] Jarlibron (du volumoj) ......Fr. 40,–

**MA** (Membro-Abonanto) kiel M[J] krome monatan revuon « E.I. » Fr. 100,–

**MS** (Membro-Subtenanto) kiel MA pagas pli altan kotizon por financ[e] helpi la organizaĵon .........Fr. 200,–

**PATRONO,** kiel MA, sed pagas p[li] altan kotizon por helpi al propagand[o] internacia .....................Fr. 1.000,–

**ABONO** « E.I. », por Esperant[o-] Grupoj kaj Librejoj ............Fr. 75,–

**ENTREPRENO.** — Firmoj, ĉu Esperantistaj ĉu aliaj, povas aliĝi ki[el] Entreprenoj kaj presigi informon e[n]

la Jarlibro ....................Fr. 100,—

**JARLIBRA REKLAMO.** — Tutpaĝa anonco en la Jarlibro ......Fr. 400,—

VIA UNUA TASKO ESTU : TUJ ALIĜI KAJ PAGI VIAN KOTIZON. POST TIO, VI VARBU NOVAN MEMBRON.

La Ĉefdelegito :
G. VAN DEN BOSSCHE
Oostenstr., 26, Antwerpen

# El la Gazetaro

**Flandra Esperantisto.** — Jam diversaj numeroj de tiu organo de Flandra Liga Esperantista aperis post la liberiĝo. Ĉiu numero, eldonita en granda formato, enhavas interesajn kaj legindajn artikolojn en Esperanto kaj ankaŭ en flandra lingvo, tiel ke la gazeto estu ankaŭ legebla de ne-esperantistoj.

« Het Kustblad », Kerkstraat, 24, Oostende, aperigas artikolojn pri Esperanto kaj la movado, verkitajn de C. Braet, Brugge.

« LEVEN EN HANDEL IN WEST-VLAANDEREN », Saverijstr., 4, Kortrijk, nova semajna revuo, enhavis ekde la unua numero Esperanto-rubrikon sub redakto de « JOMO TER GLOBULO ».

# ESP. kaj RADIO

ĈEHOSLOVAKA ASOCIO ESPERANTISTA informas nin pri renovigo de la esperanto-dissendoj el Stacio PRAHA I :

1° sur ondoj 470,2 kaj 1571 m. ĉiulunde kaj ĉiujaŭde de 22.20 ĝis la 22.30 horo, mezeŭropa tempo (MET). Tiuj 10 minutoj estas disponigitaj al la Asocio.

2° sur mallongaj ondoj 31.41 m. kaj sur longa ondo 1571 m., ĉiutage de 23a horo ĝis 23.15, oficialaj informoj pri Ĉeĥoslovakujo.

La aŭskultantoj skribu al la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista Uralské, 447, Praha XIX, informojn pri la aŭdado, dezirojn, kritikojn, k.t.p.

# ANONCETOJ

KORESPONDANTOJN en Belgujo deziras franca ofico pri korespondado. Skribu al S-ro Eug. DIEUDEGARD, 5, rue de Bapeaume, MAROMME (S. I.) Francujo.

KORESPONDANTOJN en Belgujo deziras, por siaj membroj, **Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista,** Uralské Nam. 447, PRAHA XIX.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO K.S.
## Lange Leemstraat, 127, ANTWERPEN

**BAKKER Hans — Het Esperanto in een Doosje (Spraakleer, Sleutel en Doosje met Kaartenstelsel) ........ Fr. 48,—**
**BELGA ANTOLOGIO (2 vol. : M. Jaumotte & H. Vermuyten) ...... 60,—**
**CART & PAGNIER — L'esperanto en dix leçons ........ 7,50**
**COGEN L. — La Demando pri la Plibonigo de la Muzikskribo ...... 1,—**
**DE TIERE N. — Devo de Reĝo (Van der Biest) ........ 5,—**
**DEVOS J. — La Ŝipeto (Vandevelde A.) ........ 5,—**
**ESPERANTO LEERBOEKJE (Spraakleer, oefeningen, woordenlijst).. 1,—**
**ESPERANTO PREMIER MANUEL (Grammaire, exercices, vocabul.) 1,—**
**ESPERANTO SLEUTEL (Beknopte spraakkunst en Woordenlijst ... 1,—**
**FRUICTIER P. — Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esp-o ... 36,—**
**JAUMOTTE Maur. — Historio de la E. G. « LA VERDA STELO » 5,—**
**Kompleta Esperanta Rimvortaro ........ 10,—**
**KENNGOTT — Internacia Dialogaro ........ 7,—**
**Internacia Teatraĵetaro ........ 7,—**
**KORESPONDA KURSO — Kursus van Esperanto per Briefwisseling in vijf Lessen ........ 20,—**
**Cours d'Esperanto par Correspondance en cinq Leçons ........ 20,—**
**RELGIS E. — La humanitaristaj principoj — La internacio de la intelektuloj ........ 5,—**
**ROLLET DE L'ISLE — L'Initiation à l'Esperanto ........ 7,—**
**Inleiding tot Esperanto (M. Jaumotte) ...... 7,—**
**SABBE — Bietje (Van der Biest W.) ........ 5,—**
**SCHIDLOF's Zakwoordenboekje Esperanto-Ned. en Ned.-Esperanto 37,50**
**SCHWARTZ — Koro estas eta instrument' sekreta - Kanto kun muzika akompano (Melodio de Kalmanowicz) ........ 15,—**
**UNUEL — De Internationale Taal, het vraagstuk en zijn oplossing Esperanto-tekst met vertaling van W. De Schutter ........ 5,—**
**La Langue Internationale. Le Problème et sa Solution (Texte en Esperanto avec traduction par M. Jaumotte) ........ 5,—**
**VAN SCHOOR O. — Judaso (Monologo por Sinjoro) ........ 1,—**
**La Servistinoj (Monologo por Sinjorino) ...... 1,—**
**La Telefono (Monologo por Sinjoro) ........ 1,—**
**WITTERYCK — Het Esperanto in Tien Lessen ........ 8,—**
**ZAMENHOF L. L. — Fundamento de Esperanto (franca) ........ 7,50**
**Fundamento de Esperanto (nederlanda) ...... 7,50**
**ZAMACOIS — La Amuzistoj (Van der Biest) ........ 6,—**
**Legosignoj el silko kun bildo de Zamenhof ........ 10,—**
**Blankaj poŝtkartoj por korespondado, kun Esperanta stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » ........ o/o 17,50 ; o/oo 150,—**
**Verdaj poŝtkartoj kun teksto kaj muziko de « La Espero » loko por adreso kaj korespondaĵo sur la dorsa flanko ...... Fr. 0,25 ; o/o 20,—**
**Ilustritaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto — Antverpeno 30 ...... 8,—**
**Brugo 10 ........ 3,—**
**Bruselo 30 ........ 8,—**
**Kortrijk 10 ........ 3,—**
**Pri la Sepa Universala Kongreso de Esperanto Antverpeno 1911 25 10,—**
**Sigelmarkoj kun verda stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » :**
**Poŝtmarkformataj : Fr. 3,— o/o ; Fr. 20,— o/oo**
**Rondaj : Fr. 5,— o/o ; Fr. 35,— o/oo**

Jus aperis : **Pensoj de Zamenhof.** Belaspekta dukolere presita broŝuro eldonita de Svisa Esp.-Societo, Bern. La teksto ampleksas 32 p., 12 1/2 × 20 cm. elektitaj pensojn de nia Majstro, kun tradukoj en franca ; angla ; germana kaj itala lingvoj. Taŭga propagandilo. Prezo afr. 12,—.

Denove havebla : **Fundamenta Krestomatio** de D-ro L. L. Zamenhof. Prezo Fr. 50,— afr.

**Harry H. Khel,** Pivonkova 2124, Praha XIII/75, Ĉeĥoslovakujo, deziras korespondadon kaj interŝanĝadon. **Mi deziras** reciprokan interŝanĝadon de poŝtmarkoj ĉeĥoslovakaj kontraŭ poŝtmarkoj de aliaj landoj kun Esperantisto-filatelisto en ĉiu parto de la mondo. J. Maŝkovsky, 33 Stalinova, Zlin, Ĉeĥoslovakujo.

* * *

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO. Koopera Soc., 127, Lange Leemstraat, ANTVERPENO.